*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 12/04/2019 Kvarcentdudekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Entute 896,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo**



Nun studas **332,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **306,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **258,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)






# Eunice Graham

## 6/12/1918--9/4/2019

Centjaraĝa fidela ano de la Manlio-Esperanto-klubo kaj al Esperanto



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



Eunice 94a aĝa Jane, Filino de Eunice



Eunice 93a aĝa





Eunice lernis Esperanton ĉe la Manlia klubo antaŭ ĉu 50 jaroj? Ŝi subtenis la manlian klubon, la Fed NSK Asocion kaj Esperanton, dum la cetero de sia vivo.

Membro de la manlia klubo, John Cassey, vizitis ŝin preskaŭ ĉiujn vesperojn dum la 15 monatoj de ŝia vivo en la maljunulflegadejo, Roger Springer almenaŭ 3 matenojn semajne, kaj Chis Holliss kiam ŝi povis.
Ni apartenas al la manlia Esperanto-familio.
Eŭnice iris al multaj Universalaj Kongresoj

*Roger Springer*

**Jen la detaloj pri la enterigo**
10:00 atm, Lundon, La 15an de aprilo, 2019
South Chapel, Northern Suburbs Memorial Gardens and Crematorium
199 Delhi Road, North Ryde NSW



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.63




**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**

En antaŭa lecioneto mi menciis, ke kie P.A.G. traktas sensubjektajn frazojn kiel esceptojn, mi simple klarigas ke ĉe tiaj sensubjektaj frazoj oni devas subkompreni la mankantan Subjekton.





Por tiuj kiuj preferas klarigi la aferon laŭ la PAG-a maniero, mi ĉi sube donas ekzemplojn de tiuj diversaj kazoj.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

**1e**. En la volitivo, kie oni povas doni ordonojn sen mencii la aganton, ĉar tiu aganto estas la persono al kiu oni ordonas aŭ petas. Cetere oni ĉiam povas trovi la ĝustan Subjekton por tiuj frazoj. Jen kelkaj: "Iru (Bonestu iri) al la pordo" = "Vi iru ...". "Manĝu (= Ci manĝu) cian kaĉon". Kelkaj ordonoj uzas Infinitivon: "Ne kraĉi teren", kio estas frazo sed ne propozicio.

**2e**. Ne ekzistas Subjekto ĉar ne ĉeestas la ideo de subjekto. Tiuj agoj estas ekz. "Pluvas" kaj "Estas bele". Ankaŭ "Temas pri akcidento" = la temo estas pri akcidento. Sed fakte eĉ tiuj verboj povas uzati kun Subjekto: "Benoj pluvas sur ilin" (Biblio) kaj "Kugloj hajlis", kaj "La libro temas pri polucio". Ankaŭ: "Komenciĝas pluvi" = "Pluvo (Subjekto) komenciĝas".



*Marcel Leereveld*






# Margaret Chaldecott
# 23/05/1926 – 25/03/2019

La Esperantistoj kiuj povis atendi ŝian enterigon estis Roger kaj Mei Springer, Nicole Else, Dmitri Lushnikov kaj Jo Turvey.









Margaret Chaldecott dum jardekoj estis fidinda kaj diligenta aganto por nia afero. Kaj ĵus ŝi forlasis nin, kaj sendube estis bonvenigita de miloj da aliaj esperantistoj. Belan pluvojaĝon, Margaret! *Trevor Steele*





# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 6a de aprilo estis la unua sabato. Unu taso da klubpagota kafo atendis vin. Venis al la Manlia grupo, Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Michael Peters. Bedaurinde, Eunice Graham nun estas tro malforta por veni al la klubo. (ŝi mortis du tagojn poste.) *Roger Springer*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# Ree- Tre trafa historieto



La komputeraj demonoj forigis la finajn trivortojn. Do mi reenmetas La ŝercon kun la tre gravaj vortoj montrantaj ĉe la fino. *Roger*

**Jen historio,** kiun mi ĵus vidis en filmeto:



Korvo sidas sur alta branĉo en arbo. Alvenas dua korvo, ĝi demandas: "Kion vi faras?" - "Fakte nenion, mi nur sidas kaj gapas." La dua korvo sidiĝas apud la unua kaj ankaŭ gapas.

Alvenas kuniklo. "Kion vi du faras?" "Nenion, ni nur sidas kaj gapas." "Ho, tion mi ankaŭ provos."



Alvenas vulpo. "Kion vi faras?" "Nenion, ni sur sidas kaj gapas." Bone, pensas la vulpo, se ĉiuj faras, ankaŭ mi faros."

Alvenas ĉasisto. Li pafas la kuniklon kaj la vulpon.

"Vidu", diras la unua korvo al la dua, "nur sidi kaj gapi oni povas permesi al si nur **en alta pozicio!** *Peter Weide*



# Arboj ne plu en mia ĝardeno.



**NE TIMZORGU !**

**Ne timu**, ĉar la granda plejmulto en viaj vortaroj kaj en viaj lernolibroj estas ĝusta Esperanto.

**Pri la vortaroj**: Se ili tre KLARE indikas, kiuj vortoj estas OFICIALAJ kaj kiuj vortoj estas nur proponoj, NEOLOGISMOJ, ili utilas kaj vi povas trovi la oficialajn vortojn. En kelkaj kazoj neologismoj, novaj unuradikaj vortoj, estas necesaj por uzati, se temas pri nova teĥnikaĵo aŭ pri nova kulturaĵo, kie ne eblas formi la novan vorton per vortkunmetado.

**Pri la lernolibroj:** ili kutime faras nur la jenajn erarojn:

**1**). En la Pasiva Voĉo la formo "estas/is/os ricev–ata devas ne uzati, ĉar "-ata" estas la pasivo nur de la daŭra tempo/aspekto (*was/is/willbe being in the process of being received etc.*), kaj "-ita" signifas nur la Perfektan tempon/aspekton (*has been received etc.).*

**2**). La formo "estis .... –ita" preskaŭ neniam uzeblas, ĉar ĝi estas la pluskvamperfekto, indikanta pasintan agon antaŭ alia pasinta ago *(= had been received before something else happened).*

**3**). La nura verba Pasiva Voĉo havas la sufikson "-ati": La letero ricevatis, ricevatas, ricevatos, ricevatu, ricevatus, devas ricevati.

**4**). Konataj Esperantologoj uzis por pli klara "de" la prepoziciaĵojn "ante al" kaj "ate de".

**5**). "La kialo" signifas la demandon pri la rezono, dum la respondo, la rezono mem kial oni faris ion, estas "la tialo".

**6**). La sufikso "-i-" por landoj estas oficiala sed gramatike malĝusta, do estas pli bona uzi la Zamenhof'an sufikson "-uj-".

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Do la eraroj en la lernolibroj estas tre malmultaj.

*Marcel Leereveld.*

## SEN ARBOJ, SEN MONDO.

En kristana gazeto mi legis, ke la dezerto Saharo en Nordafriko kaj precipe en Atlasomontaro estis en la pasinteco grandparte kovrita de arbaroj . Kio ŝanĝis la arbarojn al dezerto? Okazis en la tempo post Kristo kiam la araboj koloniigis Mezorienton kaj Nordafrikon, kaj islamigis la tieajn popolojn. Ankaŭ la romianoj forŝtelis multegajn arbojn por uzi la lignon en Italujo. Ĉe la nordafrika marbordo oni poste replantis arbojn, sed precipe nur daktilojn. Multaj urboj en Mezoriento estas eĉ pli senarbaj. Same kiel Hobarto en Tasmanio. La aliaj urboj aŭstraliaj estas pli arbaj, speciale Melburno.

Estas neimagebla sed vera, ke alia arbaro, eĉ pli granda kaj densa, parte sekvos la ekzemplon de Saharo kaj fariĝos dezerto. Tio estas la Amazon-regiono en norda kaj okcidenta Brazilo. Tiu regiono nuntempe ankoraŭ estas tre arbdensa, sed la ekonomiaj fortoj de la kapitalismo ŝanĝos ĝin al dezerto aŭ senarbaj kampoj. La grundo estas bonega por kreskigi manĝoplantojn, kaj por nutri manĝbestojn. La mondo alkutimiĝos al tio, sed ofte ne agrable, ĉar tiaj senarbarigoj kaŭzis kaj kaŭzas kaj kaŭzos gravajn ŝanĝojn en la vetero. Tiuj ŝanĝiĝoj okazos en periodo de la tero kiam ankaŭ okazos plivarmiĝo pro la homoj, do la mondo certe ŝanĝiĝos, kaj pli malbone por tre multaj popoloj. Kaj la homa raso estas ankoraŭ tro primitiva por fari ion pri tio. *Marcel Leereveld.*

## “ *J’ACCUSE* “ (EMILE ZOLA).
## “MI AKUZAS” (MARCEL LEEREVELD).

Mi akuzas la Esperanto-specialistojn, la grandan plejmulton da ili, ke ili ne traktas Esperanton same serioze kiel ili traktas sian etnan lingvon.

Kiam ajn mi informiĝas ĉe ili pri nacilingva esprimo nekomuna, ili respondas “Ne, tion ci ne povas diri, ĉar tio ne estas en la vortaroj aŭ ne en la gramatiklibroj.

Ili pravas, ke la vortaroj aŭ la gramatiklibroj havas la ĝustajn respondojn, ĉar tiuj registras kion la popolo uzas. Kaj tio kion la popolo uzas, estas la ĝusta formo de la lingvo. Ne ekzistas alia kriterio por decidi, kio estas la ĝusta angla, franca, germana, aŭ ĉina. La franca akademio penas kontraŭi la evoluon de la franca lingvo, sed finfine la popolo venkos, malrapide ĉar lingvoj disvolviĝas malrapide, ĝis nun apenaŭ rimarkeble en unu generacio. Etnolingvaj specialistoj ne povas kaj ne volas ŝanĝi la lingvon laŭ siaj ideoj aŭ gustoj. La ĵusaj jardekoj montris, ke en la nova teĥniko kaj en la nova informservado la popolo kreas la novajn vortojn kaj eĉ eventualan ŝanĝon de la gramatiko (ekz. “*them*” por “*him or her*”). Ĉiam estas unu persono kiu unue enkondukas ŝanĝon aŭ novaĵon, kaj baldaŭ aliaj homoj imitas. La unuaj estas kutime la homoj kiuj bezonas la novaĵon aŭ ŝanĝon, sed ne ĉiam. Kiam la signifo de la angla vorto . "*debatable/y*" ŝanĝiĝis, antaŭ kelkaj jaroj, al sia kontraŭa signifo, neniu homo bezonis tion; tamen unu homo komencis la stultaĵon kiu nun ne plu estas stultaĵo ĉar akceptita de la tuta popolo. Kiam iu ne lingvista hartondisto komencis uzi la vorton “*unisex*”, kiu signifas “Por nur unu sekso”, por la signifo de “*ambisex*”, kiu signifas “por ambaŭ seksoj”, neniu lingva instanco povis malpermesi tion, ĉar estas la popolo kiu kreas la lingvon, sen

necesa logiko. Ne sciante la lingvon de la popolo sed sciante nur la anglan laŭ logiko, iu fremdulo povus demandi al la hartondisto: “por kiu el la seksoj?”.

La popoloj tiel kreis malfidindajn, nelogikajn, tre komplikajn, kaj tre malfacile lerneblajn lingvojn dum la historio de la homaro. En ĉiu kazo tia lingvo plene utilis, ĉar ĝi estis la lingvo de la popolo kaj la popolo lernis ĝin el la popolo kaj instruis ĝin al la sekvanta generacio, sen skribita lingvo. Miskomprenoj okazis, sed ne multaj, kaj la komplikaj lingvoj estis perfektaj iloj por la popoloj.

La samo devas okazi al artofarita lingvo, se oni lasas ties parolantojn plukrei la lingvon. Ĉar por internacia lingvo la mallogikeco kaj la malfacileco estas tre malutilaj kaj nenioigantaj ĝian ekzistrajton, la Esperantistoj decidis ke Esperanto ne povas disvolviĝi same malpraktike kiel la etnaj lingvoj, sed devas sekvi ekzistantajn regulojn kaj povas pliriĉiĝi nur per la decido de grupo de lingvospecialistoj. Tio estas la idealo, necesa se Esperanto volas resti centprocente sen miskomprenoj kaj centprocente (*relative*) facile lernebla.

Se Esperanto do volas resti centprocente sen miskomprenoj kaj centprocente sen esceptoj kaj centprocente fidebla kaj centprocente (*relative*) facile lernebla, ĝi bezonas lingvospecialistojn pli klerajn ol la etnaj lingvistoj. Bedaŭrinde tio nuntempe ne estas la kazo, kaj eĉ la kontraŭo. Tiel nek la Akademio de Esperanto nek aliaj Esperantologoj kapablis solvi la mankon de Verba Pasiva Voĉo en Esperanto nek malhelpi la enkondukon de gramatika sensencaĵo kia la sufikso “-i-“, kaj aliajn problemojn.

Sed la Esperantologoj ne nur NE KAPABLAS prizorgi Esperanton kontentige, sed ili ankaŭ NE VOLAS lerni kiel prizorgi la lingvon. Tial mi akuzas ilin, ĉar ili ne kuraĝus mistrakti sian etnan lingvon, sed ili havas la kuraĝon plu mistrakti, pro nelerno, Esperanton. Ili faras al Esperanto kion ili ne kuraĝus fari al sia etna lingvo. Ili ne kuraĝus diri, ke ĝustas la angla “*I have comen*” sed ili uzas la same monstran Esperantan “Francio”, kies monstreco jam pruvatis de pluraj “ordinaraj” Esperantistoj. Kaj ili ne lernis el miaj pruvoj, ĉar lerni ne VOLIS, ke “La hundo batatis” estas la nura nun havebla Verba Pasiva Voĉo en Esperanto (post kiam Kalocsay klarigis la mankon al ili). Same pri uzi la sensencaĵon “la kialo” por la ĝusta “la tialo”. K.t.p., kie la Esperantologoj traktas sian etnan lingvon kun estimo kaj humileco, sed traktas Esperanton kiel sian ludaĵon malpli valoran. TIAL MI AKUZAS ILIN !

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**
Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.
Vizitantoj estas bonvenaj

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** *rspring@tpg.com.au*

Hieraŭ membroj de TES (Toowoomba Esperanto-Societo) kunvenis pro jarkunveno.

Vidu sube la foton de maldekstre: Petro Danzer (vicprezidanto), Paûlo Green (Kasisto), Sandra Connors (Prezidantino), Hazel Green (Sekretariino), Doug Eising (komitatano) kaj Diano Lukes (Informadistino). Informis *Petro Danzer*




## Saluton el Ĉinio, kaj Ago por Esperanto, teo kaj amo!

Esperantistoj kaj te-ŝatantoj: http://esperanto.cri.cn/2521/2019/04/02/165s204428.htm

Tianjin-a Esperanto-Asocio, kiu gajnis premion en la dua filmkonkurso "Teo kaj Amo" , Asocio por Popularigo de Hangzhou, Urbo kiel Te-urbo, kiu kunlabore kun ĈRI lanĉis kaj sukcese organizis du filmkonkursojn "Teo kaj Amo", (ĉina tekultura profesiulo Wang Xufeng estas ĉefo de la Asocio), kaj Tianjin-a Universitato de Scienco kaj Tekniko nun lanĉas novan agon por Teo, Amo kaj Mondo.




**Ni celas per tiu nova ago plivastigi Esperanton, amikiĝi kun te-ŝatantaj esperantistoj kaj teaj profesiuloj kaj per fotoj kaj videaĵoj pere de TEO montri diferencojn kaj similecojn de nia mondo.** Informis nin *Katja Steele*



## 3zzz



En la elsendo de la 8a de aprilo la ĉefa temo estas la naturo kaj naturaj fenomenoj en diversaj partoj de la mondo.
*Francisca Toubale*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***